

**DAO ANH KHA**

*Naskiĝis la 15-an de decembro 1923 en provinco Quang Tri. Frua orfeco, memlernado. Partoprenis la Aŭgustan Revolucion (1945) kaj la kontraŭfrancan rezistadon (1945 – 1954). De 1946 – ĉefredaktoro de „La Juneco“ – organo de la Vjetnama Junulara Federacio de Suda Vjetnamio, kaj de 1954 – redaktoro de „La Popolo“ – ĉeforgano de la Vjetnama Laborista Partio. Ĉefa lia, nacilingva verko estas la poemo „Ho Chi Minh, la legendo de l'vero“.*

*Ekde 1957 – ĝenerala sekretario de la Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio (VPEA). Tradukis esperanten i. a. „Tagkajero en prizono“ de Ho Chi Minh kaj „Elektitaj poemoj“ de To Huu. Redaktoro de la esperantlingva „Informado el Vjetnamio“.*

*DAO ANH KHA*

# JAM AŬRORAS, HO MOSKVO!

Moskvo, en aŭroro
Denove mi revenas la landon de Lenin.
Luladas la belaj nuboj, kompense de l'ŝtorma tempo,
De l'fajra brulo sur la pasita vojfragmento.
Trans la pasejo de Dien Bien kaj la pintoj de Truong Son
La ĉielvastaĵa birdo nun revenas al la rivereta fonto. (I)
Mi ekiris jam de l'bolantaj junec-tagoj
Portante en sino la bildon de Lenin ,kiel venton por plenblovi mian velon.
En revo Moskvon, kiel Paradizon eltroveblan sur mia sonĝ-kuseno –
Kaj ne sciante, ke iutage mi povus vidi Lin sur la sankta tero!
Tamen iun matenon mi persone haltas antaŭ la Maŭzoleo,
Ĉe Lia ombro reekzamenas mian propran bildon
Kaj mia animo reprenas siajn flugilojn, kvazaŭ se
Centpliajn mejlojn ĝi ankoraŭ povus transpasi, tiel verve kiel
Dum la iamaj tagoj, kiam mia lando estis kovrata de nuboj kaj uraganoj.
Sed hodiaŭ, unu aŭroro de ĉiuj miaj aŭroroj leviĝas
Moskvo reaperas neniam antaŭe tiom splendida.
La centjaro kontinue rapidigas siajn paŝojn apud Liaj piedoj
Kaj la kariljono de Kremlo mediteme, eĥoveke markas la ritmon de mia koro.
Jam aŭroras, ho Moskvo! Kaj dankon al vi
Kiu estas reflektanta al mi viajn aŭrorajn radiojn,
La radioj kiuj en paco larĝe malfermas la horizonton de komunismo.

*Moskvo, julio 1976*

---

(I) *Alude al rivereto, kiun prezidento Ho Chi Minh baptonomis per la nomo de Lenin, kaj kiu situas en la revolucia militbazo de Vjet Bak. Ĝi fluas ĉe la piedo de la „Monto Marks“, tiel baptonomita ankaŭ de Ho Chi Minh.*

# Wissenschaftliche Veröffentlichungen in der DDR zum Plansprachenproblem und über Esperanto

Bisher erschienen in der DDR folgende wissenschaftlichen Studien über die Frage einer internationalen Sprache im allgemeinen und speziell zum Esperanto, die allgemein zugänglich sind.

1. D. Blanke: *Die alten Sprachen und das Problem einer internationalen Welthilfssprache,* Das Altertum, Berlin, 3/73, S. 184 – 194 (Das Latein als internationale Sprache / Andere alte Sprachen als Mittel der internationalen Kommunikation / Modernisierung und Vereinfachung alter Sprachen / Latinide Plansprachen oder Projekte / Latinide Elemente in der Lexik des Esperanto, 40 Anm.)
2. D. Blanke: *Rezension zum Plena Ilustrita Vortaro,* in Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung, Berlin, **(ZPSK)** 3/1973, S. 144 – 150 (17 Anm.).
3. H. Spitzbardt: *Weltsprachen und Welthilfssprachen.* ZPSK 6/1973, S. 631 – 651, (28 Literaturangaben).

   Als Dissertation liegt vor:
4. D. Blanke: *Plansprache und Nationalsprache, ein Beitrag zur Erforschung ihrer spezifischen Kommunikationsleistungen, gezeigt am konfrontativen Vergleich einiger Probleme der Wortbildung des Esperanto und des Deutschen,* Humboldt-Universität Berlin 1975, (Thesen in „der esperantist“ 5/76; 481 Anm., ca. 400 Titel Literatur).

   1977 erschienen in der ZPSK weiterhin folgende Studien:
5. D. Blanke: *Zur wissenschaftlichen Beschäftigung mit Plansprachen I, ZPSK 2/77, S. 122 – 133.*
6. D. Blanke: *Zur wissenschaftlichen Beschäftigung mit Plansprachen II,* ZPSK 4/77.

Diese zweiteilige Studie hat folgende Gliederung: Vorbemerkung / Zu einigen Termini / Klassifizierung der Plansprachenprojekte / Plansprachen (Projekte) und die Sprachwissenschaft / Zum aktuellen Stand der praktischen Anwendung einer Plansprache / ca. 200 Literaturhinweise.

7. D. Blanke: *Interlinguistik und interlinguistische Forschungen,* ZPSK 6/1977 (Der Terminus / Definitionen zu einigen Fragen interlinguistischer und plansprachlicher Forschungen / 63 Anmerkungen).

   Sämtliche Studien sind überreichlich mit Literatur-Hinweisen versehen, so daß jeder Interessierte in die Lage versetzt wird, in die behandelte Problematik weiter einzudringen.

   Wer sich für die Geschichte der Arbeiter-Esperanto-Bewegung interessiert sei an folgende Titel verwiesen:
8. D. Blanke: *Der Anteil der Arbeiter-Esperantisten bei der Entwicklung der deutsch-sowjetischen Freundschaft in der Zeit der Weimarer Republik,* Kulturbund der DDR, Bezirksleitung Erfurt, 1974. 66 S., (246 Anm.).
9. D. Blanke: *Über die Arbeiter-Esperanto-Bewegung in der Weimarer Republik und ihren Beitrag zur Entwicklung der deutsch-sowjetischen Freundschaft,* in Beiträge zur Geschichte der Arbeiterbewegung, 4/1976 S. 683 – 690 (66 Anm.).

## Zeitschriftenangebot für 1978

1. Direkt bei den Ämtern der Deutschen Post können folgende Zeitschriften in Esperanto abonniert werden.

   1.1. *„der esperantist"*, Berlin, Mitteilungsblatt der Esperanto-Freunde im Kulturbund der DDR, 6 Hefte jährlich, insgesamt 148 S., Abonnementspreis M 1,80. Indexnummer 31635. Die Zeitschrift kann vierteljährlich bestellt werden.

   1.2. *„Hungara vivo"*, Budapest, vielseitige Kulturzeitschrift aus Ungarn, 6 Hefte jährlich, insgesamt 192 S., Abonnementspreis M 10,–. Indexnummer 25377 (Vgl. Rezension in „der esperantist" 3/76, S. 17). „Hungara vivo" muß für 1978 bis September 1977 bestellt worden sein.

2. Der Zentrale Arbeitskreis Esperanto vermittelt Abonnements für folgende Zeitschriften:

   2.1. *„Paco"*, Sofia, Organ der Weltfriedens-Esperanto-Bewegung, jährlich 6 Hefte der Zentralserie sowie 2 – 3 Sonderhefte, insgesamt ca. 150 S., Abonnementspreis M 10,– (vgl. Rezension in „der esperantist" 2/76, S. 6).

   2.2. *"Juna amiko"*, Budapest, Jugendzeitschrift, gut geeignet für Anfänger, jährlich 3 Hefte, insgesamt 90 S., Abonnementspreis M 6,– (vgl. Rezension in „der esperantist" 57/58, S. 33, 61/62, S. 43) (M 6,–, neuer Preis).

   2.3. *„Scienca Mondo"*, Sofia, Esperanto-Ausgabe der „Wissenschaftlichen Welt", Organ des Weltverbandes der Wissenschaftler, wissenschaftliche Beiträge, 4 Hefte jährlich, insgesamt 120 S., Abonnementspreis M 10,– (vgl. Rezension in „der esperantist" 1/77, S. 23, DDR-Paco 1977, S. 35/36).

   2.4. *„Bulgara Esperantisto"*, Sofia, Organ des Bulgarischen Esperanto-Verbandes, vielseitiges Material über die bulgarische und internationale Esperanto-Bewegung,jährlich 12 Hefte, insgesamt 240 S., Abonnementspreis M 10,– (vgl. Rezension in „der esperantist" 3/76, S. 16).

   2.5. *„Scienco Revuo"*, Belgrad, Organ des Esperanto-Verbandes der Wissenschaftler, wissenschaftliche und populärwissenschaftliche Originalbeiträge aus allen Bereichen, z. T. illustriert, jährlich 6 Hefte, insgesamt 200 S., Abonnementspreis M 48,– (vgl. Rezension auf S. 17)

---

10. W. Glier / W. Weißbach / A. Müller / M. Conrad: *Zur Geschichte der Arbeiter-Esperanto-Bewegung im Bezirk Erzgebirge-Vogtland (1907 – 1933)*, Kulturbund der DDR, Bezirksleitung Karl-Marx-Stadt. 1976, 40 S. (60 Anm.); vgl. S.

Einen Überblick über die Esperanto-Bewegung im In- und Ausland vermitteln die Artikel von D. Blanke in „Freie Welt" 50/1972 und in „Horizont" 26/1975.

(Superrigardo pri sciencaj studoj aperintaj en GDR, kiuj pritraktas la problemon de planlingvoj ĝenerale kaj speciale okupiĝas pri Esperanto).

## *GDR-numero de „Paco“ 1977*

Ankaŭ ĉijare la MEM-sekcio de GDR eldonis 40paĝan lukse presitan kaj riĉe ilustritan numeron de „Paco“, kiel organon de la MEM-sekcio de GDR.

Jen la enhavo:

- Pri la dokumentoj de la kunsido de la membroŝtatoj de la Varsovia Alianco (Bukareŝto 1976) (2 – 4)
- Artikoloj pri problemoj de la malstreĉiĝo kaj malarmado de sciencistoj el GDR, USSR kaj USONO (5 – 7)
- 60 jaroj ruĝa oktobro: eltiraĵo el la Lenina Dekreto pri Paco, poemoj, ampleksa artikolo de Rudi Graetz pri vizito en Moskvo (8 – 10)
- Materialoj pri la teroro en Ĉilio (11)
- „Infana Kruciro 1939“ kaj partoj el la „Trigroŝa Romano“ de B. Brecht (12 – 13, 20), plue literaturaĵoj satiraj, i. a. de J. Haŝek
- Agado de esperantistoj en germanaj koncentrejoj (14 – 15)
- Recenzoj pri jenaj eldonaĵoj:
  „Por la Paco“ XII/1976 (Moskvo)
  „Honore al ili“ (Zagrebo 1976)
  „Tridek jaroj – faktoj pri Ĉeĥoslovakio“ (Prago 1976)
  „La nuda vero“ (G. Salan, Nimes 1975)
  „Metodiko-Demandaro“ (Baghy, Budapest 1972)
  „Antologio de portugalaj rakontoj“ (Lisboa 1959)
  „Scienca Mondo“ 1/76; „Kalevipoeg“ (Tallinn 1975)
  „Zur Geschichte der Arbeiter-Esperanto-Bewegung im Bezirk Erzgebirge-Vogtland“ (1907 – 1933, Karl-Marx-Stadt 1976)
- Raportoj pri la MEM-agado kaj ĝenerala esperantista agado en GDR (29 – 30)
- Poemoj En la kajero troviĝas poemoj de Aleksandr Logvin, Ernst Wichert, B. Brecht
- Kompreneble ne mankas interesaj principaj traktaĵoj pri la problemoj de interlingvistiko:

  S. Podkaminer, „Socialismo kaj internacia lingvo“ (16 – 18)

  W. Gilbert, „Pri landnomoj en Esperanto“ (21)

  D. Blanke, „Problemoj de interlingvistiko – recenzo kaj iom da kundiskuto“ (21 – 27)

  D. Blanke, „Interlingvistiko kaj esperantologio“ bibliografiaj notetoj (27 – 28)

  P. Balkanyi, „Ĉu ekzistas ideologio en Esperanto?“ (31)

El la Fina Akto de Helsinki, „Fremdaj lingvoj kaj civilizacioj“ (33) Do riĉa numero. Ĝi estas havebla ĉe CLE.

Pli kaj pli da originale verkitaj sciencaj laboraĵoj aperadas en Esperanto. La plej konata scienca periodaĵo esperantlingva sendube estas „Scienca Revuo".

Tiu revuo aperadas plimalpli regule ekde la jaro 1949 kaj atingis regulan eldoniĝon ekde 1961, kiam ĝin transprenis la Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE). Scienca Revuo estas eldonata en Jugoslavio kaj liveras sur pli ol 200 paĝoj pojare originalajn esperantlingvajn kontribuojn pri diversaj sciencoj.

Trafoliumante la 6 numerojn de 1976 oni povas i. a. noti jenajn studojn:

**N-ro 1:** *K. Szczuroki:* Antropocenologio, Scienco pri protektado de la naturo; *Joganzon-Logacev:* Biogenezo en la medio de prekambrio kaj kambrio;

**N-ro 2/3:** *V. Peevki:* La scienco kaj la internacia lingvo; *K. Nagy:* Metaloj kaj nia mondo; *Ĉ. Grizickas:* Familia psikohigieno.

**N-ro 4:** *T. Tyblewski:* Internacia turismo de la esperantistaro; *B. Popoviĉ:* Malgrandaj Tempunuoj; *C. Støp-Bowitz:* La natura ekonomio de la maro.

**N-ro 5/6:** *D. Gregor:* La plej fruaj senafiksaj kunmetaĵoj en Esperanto; *M. Gomes:* La valoro de la geografiaj sufiksoj; *Bitzer-Sherwood-Tenczar:* Perkomputera scienca edukado; *B. Popoviĉ:* Pri la direktoj de la perihelioj de kometoj.

Tiu valora revuo kun rimarkinde interesa enhavo estas abonebla ankaŭ en GDR ekde 1978. Abonojn peras Centra Laborrondo. La prezo estas 48 markoj.

---

## Pola folkloro en Weimar

Ĉijare la esperantistoj el la distrikto Erfurt organizis internacian renkontiĝon, vizitante komune la ekspozicion pri „Nikolaj Kopernik en la pola skulptita popolarto", kiun aranĝis la „Muzeum Etnografczne" de Torun en artgalerio de la Weimar-a urbomuzeo. Dum esperantlingva gvidado tra tiu ekspozicio sinjorino Teresa Nemere, scienca kunlaborantino en la menciita Torun-a muzeo kaj perfekta esperantistino, konigis al la vizitantoj la evoluon de tiu en Pollando tradicia artofako. Posttagmeze per lumbildoj ŝi klarigis popolkostumojn kaj artajn apartaĵojn de la popolarto en diversaj regionoj de sia patrolando. — En ambaŭ aranĝaĵoj sinjorino Zusanna Kawulok ludis popolmelodiojn, muzikante per polaj popolmuzikiloj, i. a. per sakfajfilo. Ŝi informis pri origino kaj konstruo de la instrumentoj kaj pri la signifo de la simplaj kaj harmoniaj melodioj.

La partoprenantoj elkore dankis kaj aplaŭdis al la du polaj esperantistinoj pro tiuj interesaj kaj rimarkindaj lecionoj. Memkompreneble dum la dutaga restado en Weimar la Weimar-aj esperantistoj donis al la karaj gastoj la eblecon, percepti la apartan ĉarmon de Weimar kaj komune travivis kelkajn agrablajn horojn.

*(Laŭ G. Hornbogen)*

*El letero de Franz Haiderer el Vieno al Centra Laborrondo:*

## Sukcesplena aranĝo

Ĝoje mi nun povas komuniki al vi, ke nia komuna aranĝo okazis sabate, la 19an de marto 1977 en la ejoj de la Asocio „Österreich-DDR". La kunveno estis granda sukceso. Partoprenis ĝin 84 esperantistoj. La funkciuloj de GDR-Asocio bone preparis la salonegon. Sur tablego estis multaj diversaj broŝuroj germanlingvaj, kiujn oni povis preni senkoste. K-do Vokal (E-radioparolanto de Vieno), malfermis la kunvenon kaj salutis ankaŭ la ĉeestantajn ne-esperantistojn.

K-do d-ro Berg de la GDR-Asocio salutis ĉiujn en la nomo de la Asocio „Aŭstrio-GDR" kaj substrekis la gravan problemon de interfratiĝo kaj interkompreniĝo inter la popoloj kaj deziris al la ĉeestantoj bonan kaj amuzan vesperon.

Poste parolis la prezidanto de la Aŭstria Esperantista Federacio, prof. d-ro Karl Beckmann. Li skizis la grandan avantaĝon kaj facilecon de Esperanto rilate al la naciaj lingvoj kaj substrekis la signifon de facila interkompreniĝo kun ĉiuj popoloj okaze de E-kongresoj sen tradukistoj kaj simultanaj aparatoj.

Poste oni prezentis filmon pri GDR en germana lingvo.

Nun mi parolis duonan horon pri la E-movado en GDR. Precipe helpis al mi la germana „Paco" 1975, enhavanta ampleksan raporton pri la E-movado en GDR.

La Vienaj esperantistoj estis entuziasmigitaj pri la laboro kion vi faras en via respubliko kaj precipe pri la enorma ŝtata subteno, kion ni tute ne havas, kvankam nia estinta ŝtatprezidento estis esperantisto (F. Jonas). Ĉe la kunveno ni cirkuligis salutan folion kiun subskribis la ĉeestintaj esperantistoj. Per tiuj subskriboj ili salutas la Berlinajn samideanojn.

Nun venis la granda surprizo: La E-filmo „Nia lando". Tiu filmo montris per bonaj koloroj la veran socialisman konstruadon en GDR. Ankaŭ la lingvo estis tre klara. La plejmulto aplaŭdis la prezentadon, kvankam inter ili troviĝis ankaŭ dekstraj socialistoj.

K-do d-ro Berg de la estraro finfine dankis al ĉiuj pri la kontaktiĝo kun GDR kaj invitis la ĉeestintojn pasigi la feriojn ankaŭ en GDR por vidi la veron, ĉar la gazetaro, radio kaj televido insulte kaj malprave informas la aŭstrian popolon. La homoj mem devas konvinki sin pri la realeco. D-ro Berg petis de mi artikolon pri la E-movado en GDR por publikigi ĝin en germanlingva bulteno en Aŭstrio.

Je la fino oni aranĝis amuzan kuneston kun koktelo. La tuta aranĝo montris la grandan efikon de bone organizita laboro. Ĝi estu instigilo por pluaj similaj kunvenoj.

# 2-a kunsido de CLE

En Neubrandenburg (pr. Nojbrandenburg) la 21-an kaj 22-an de majo 1977 okazis la dua plenkunsido de CLE post la balotoj en Leipzig.

Ampleksa tagordo, kiu ankaŭ enhavis raportojn pri partopreno de delegitaj membroj de CLE ĉe ĵus okazintaj landaj kongresoj de fratlandaj asocioj kaj internaciaj renkontiĝoj en Wladyslawowo, Budapest, Bratislava, Györ kaj Nidzica postulis streĉan kunlaboron de ĉiuj.

Vigla diskuto kun daŭrigo de spertinterŝanĝo okazis pri la preparo okaze de la 60-a jubileo de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio. Krome oni konatiĝis pri la rezultoj de X-a Konsultiĝo de la gvidantoj de la Esperanto-organizoj de la eŭropaj socialismaj landoj kaj pri aliaj gravaj punktoj.

Elstara estis prelego de *d-ro Blanke* pri la historio de UEA, kiu festos venontjare sian 70-jaran jubileon, pri ĝiaj celoj kaj strukturo, pri la problemoj de neŭtraleco kaj universaleco, pri ĝia nuntempa kaj estonta agado, kaj pri la kunlaboro de CLE kun UEA. En „der esperantist" ni ankoraŭ detale raportos pri tiu temo per speciala artikolo.

Parolinte pri la integrativa karaktero de Kulturligo de GDR, reprezentantino de la estraro de la Filatelista Asocio en KL, *s-ino Baumgart,* proponis ses konkretajn punktojn por pli intima kunlaboro inter niaj du kulturligaj organizoj. La diskuto montris, ke jam diversloke ekzistis interesaj formoj de tia kunlaboro. CLE konsentis al la proponoj de la filatelistoj. Komune la Filatelista Asocio kaj CLE ellaboros detalojn por pli intima kunlaboro.

La raporto de la junulara komisiono de CLE montris bonan evoluon de la aktivecoj de la Esperanto-junularo. En kelkaj lokoj ekaktiviĝas junaj pioniroj.

La venontjara III-a Centra-Renkontiĝo de la GDR-esperantistoj okazos 1978 en Rostock.

La kunsido decidis fondiĝon de fakkomisiono por fervojistaj esperantistoj ĉe CLE. Prezidanto elektiĝis *Achim Meinel* el Berlin. Pliaj estranoj nomumiĝis *Hans Diedrich* el Schwerin kaj *Horst Jasmann* el Berlin.
Fondo de fakkomisiono por medicinistoj estas en preparo. Ĉi-rilate modelagadas *d-ro Giso Brosche.*

Kontente CLE konstatis, ke la „Mondkunveno de la konstruantoj de la paco" komence de majo 1977 en Varsovio elektis la ĝisnunan ĝeneralan sekretarion *Romesh Chandra* kiel prezidanton de la Mondpaca Konsilantaro kaj *Albert Norden,* (GDR) kiel unu el la vicprezidantoj. La mondkunvenon partoprenis ankaŭ delegacio de Mondpaca Esperantista Movado MEM.

*Rudi Graetz*

**Kompletigo**

Negocema gastejestro sur insulo Elba afiŝis en sia restoracio: „Ĉi-tie manĝis Napoleono!“ Turisto kompletigis la afiŝon per aldono: „Ja pro tio li forlasis Elba-on laŭeble plej rapide.“

**Jen eraris la poetoj**

La famaj „printempaj sentoj“ evidente estas eraro de la poetoj, kaj ne medicina fakto. Dum internacia kongreso pri endokrinologio (hormonesplorado) antaŭnelonge la belga endokrinologo profesoro Vermeulen raportis, ke analizoj de la sezondependaj ŝanĝoj de la hormon-nivelo de viroj montris, ke la plej alta sekskapablo ŝajnas ekzisti prefere dum malfrua aŭtuno kaj vintro.

**Troigo**

Legantino demandis la anglan fakĵurnalon „Country Life“, kiom da kokoj ŝi bezonas por dek kokinoj. Ricevinte la respondon, ke ununura koko fakte plenumas la bezonaĵojn ŝi kolere rerespondis: „Eĉ unu vorton mi ne kredas al vi! Temas denove pri unu el la tipe viraj troigoj!“

**Mankhava**

En Vieno gimnaziano rericevis sian germanlingvan eseon kun la sekvaj kritikaj rimarkoj: „Mankhava — mansarda romantiko — verkaĉo provokanta certan animstaton.“ La lernanto ege miris. Li estis kopiinta sian eseon vortvorte el la libro „Der grüne Heinrich“ (La verda Henriko) de Gottfried Keller.

**Interesa urbo**

En la gazeto „Dagens Nyheter“ (Svedio) ĵurnalisto vizitinta Los Angeles skribis: „Vagonpleno da maŝinpafiloj en tiu-ĉi urbo vekas la misfidon de la policistaro malpli ol iu, kiu piede marŝas 100 metrojn.“

**Glaciaĵo**

Laŭ komunikaĵo de la franca novaĵ-agentejo AFP eskimoj spite de la klimato de sia hejmlando tre ŝatas manĝi glaciaĵojn. Skota fabriko en tiu-ĉi jaro eksportis 60 tunojn da glaciaĵo al Labrador. La vendosukceso superas ĉiujn imagojn.

**Mondrekordo**

Novan mondrekordon pri eksplodigo de ŝtopiloj de ĉampanboteloj starigis Gary Mahan el La Habra Heights en Kalifornio. La ŝtopilo de la botela kolo ĝis surteriĝo trapasis la mirigan distancon de 31,36 metroj. Per tio Mahan sentronigis la ĝisnunan rekordulon John Wiener el San Diego, kies ĉampanŝtopilo trakirlis la aeron nur ridindajn 28,65 metrojn.

**Monto kaj valo**

Sur amuzejo proksime de Genua (Italio) juna viro ĉe la kaso de „monto kaj valo“ — veturilo pagis per falsa mono. Tre baldaŭ la posedanto rimarkis la trompon kaj funkciigis la veturilon kun plej alta repideco tiel longe, ĝis la polico povis akcepti la iomete „traturnitan“ trompinton.

## *Traduka konkurso*

*Ni alvokas ĉiujn tradukemajn esperantistojn partopreni konkurson pri la plej bona traduko de germanlingva tekstero el „Weltbühne" (1977), n-ro 19, p. 600 – 601. Temas pri unika muzeo en Berlin-Mahlsdorf, pri kiu raportas Richard Christ inter alie:*

„Was Lothar Berfelde zusammengetragen hat, füllt die geräumigen Zimmer der unteren Etage. Herrenzimmer, Jagdzimmer, Boudoir protzen mit Meublement aller erdenklichen Stilarten des Historismus, als Neogotik, Neorenaissance, Neobarock.

Je mehr Künstelei, desto stolzer die einstigen Besitzer; deshalb die Schnörkel und Schnecken und Muschelverzierungen, die gedrechselten Säulchen, Aufsätze, Galerien, Löwenköpfe, all der doppelt und dreifach aufgesetzte Zierat, in dem sich der Staub fing. Der Wert der Mahlsdorfer Sammlung liegt in der Vollständigkeit; was immer Bürgergeschmack um die Jahrhundertwende für den letzten Chic hielt, wird gezeigt. Die Petroleumlampe auf dem Lampentisch, der reichverzierte Ofen, das Kurbeltelefon in Tisch- und Wandausführung, der Gaskronleuchter, metallumrahmte Bilderständer mit den bräunlichen Fotos honoriger Ehepaare, Väschen und Gläschen und Täßchen, Glasklunkern und Ölschinken und natürlich das Trichtergrammofon, mit Platte darauf: „Haremsnacht, gespielt vom Bohemeorchester. Mit Refraingesang."

*Ni esperas, ke progresintaj esperantistoj pruvu ke per Esperanto esprimeblas eĉ plej specialaj nuancoj.*

*Kaj nun ek al la plezuro! La gajnintoj ricevos libropremiojn. La plej bona traduko estos publikigata en „der esperantist".*
*La tradukojn ni petas sendi ĝis 30. 9. 1977.*

*La redakcio*

---

**Prelegoj de sovetiaj gastoj**

La sovetuniaj partoprenintoj de la X-a Konsultiĝo de Esperantoorganizaĵoj de eŭropaj socialismaj landoj, la kamaradoj Vladimir Samodaj, vicprezidanto de la Sovetunia Esperanto-Komisiono kaj Anatolij Berjoza, respondeca sekretario de la Komisiono, post la Konsultiĝo vizitis la Distriktajn Laborrondojn en Halle, Potsdam kaj Berlin. La sovetaj gastoj prelegis pri la aktuala signifo de la venko de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio, informis pri la agado de la esperantistoj en Soveta Unio kaj travivis kelkajn tre agrablajn tagojn inter germanaj amikoj.

**Helpo por la damaĝitoj en Rumanio**

*La gemembroj de la Leipzig-a Laborrondo Esperanto kolektis oferdone 100,– markojn por la damaĝitoj de tertremo en Rumanio.*

## Esperanto-Weltkongresse 1978 in Bulgarien

**Wir weisen nochmals auf unseren Aufruf in „der esperantist" 1/1977, S. 21, hin. Es können noch Voranmeldungen für die Teilnahme am 63. Esperanto-Weltkongreß 1978 in Varna (29. Juli – 5. August 1978) und für den 34. Internationalen Esperanto-Jugendkongreß (22. – 28. Juli 1978) in Tirnova angenommen werden.**

**Alle Bundesfreunde, die bisher ihre Voranmeldung an den Zentralen Arbeitskreis Esperanto gesandt haben, erhalten spätestens bis September 1977 endgültige Informationen, die es ihnen erlauben, ihre verbindliche Entscheidung über die Teilnahme an den Weltkongressen zu treffen.**



### Kongreßgebühren für Warna

Wir geben Ihnen die Kongreßgebühren für den 63. Esperanto-Weltkongreß bekannt, der vom 30. Juli – 5. August 1978 in Warna/Bulgarien stattfindet.

| | |
|---|---|
| 1. Kongreßteilnehmer, kein Mitglied der UEA | 40 Lewa |
| 2. Kongreßteilnehmer, individuelles Mitglied der UEA mit Jahrbuch | 35 „ |
| 3. Kongreßteilnehmer, individuelles Mitglied der UEA mit Jahrbuch und Zeitschrift „Esperanto" | 27 „ |
| 4. Ehegatte(-gattin) von Kongreßteilnehmer Kategorie 1 | 28 „ |
| 5. Ehegatte(-gattin) von Kongreßteilnehmer Kategorie 2 oder 3 | 25 „ |
| 6. Jugendlicher bis einschließlich 20 Jahre | 12 „ |
| 7. Universitätsstudent bis einschließlich 30 Jahre | 20 „ |
| 8. Blinde | 16 „ |

Für 100 Mark DDR werden ca. 27 Lewa berechnet.

Zu diesen Kongreßgebühren muß jeder Teilnehmer die Kosten für Übernachtung, Verpflegung, eventuelle Exkursionen hinzurechnen.



**Ni gratulas**

– La meritplena esperantisto el Dresden, k-do Erich Wald, havis la 22-an de aprilo 1977 sian 75-an naskiĝtagon.

– K-do Otto Bäßler, kiu antaŭnelonge festis sian 80an naskiĝtagon, (kp. „de" 1/77) estis distingita per la „Ordeno pro Patrolandaj Meritoj en Oro".

*CLE gratulas al ambaŭ tre kore*

**Ni kondolencas**

La 8-an de junio 1977 forpasis Ernst Wichert el Berlin. CLE esprimas sian kondolencon al la familianoj.

*CLE*

### Letervespero

Letervespero okazos septembre 1977 en Halle. Skribaĵojn ricevitajn antaŭ 15. 9. 1977 ni respondos. Skribu al: Kulturbund der DDR, KAG Esperanto Halle, DDR–402 Halle (S, H.-u. Th.-Mann-Str. 28.

## Esperanto kaj filatelo

**Informoj pri novaj poŝtaj Esperanto-stampoj**

*Numeroj respondas al la stamp-katalogo de Burmeister*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| PO | 115 | **Poznan 2** | 1974 23. 9. | **Foiro** |
| PO | 116 | **Krakow** | 1975 11. 5. | 5-urba filat-ekspo |
| HU | 39 | **Budapest** | 1973 28. 12. – 2. 1. 74 | 3-a Vintra E-Ferio |
| HU | 40 | **Szeged** | 1974 12. 5. | E-Tago |
| HU | 41 | **Szolnok** | 1974 21. – 23. 6. | 26-a nacia E-kgr |
| HU | 42 | **Gyula** | 1974 7. – 13. 7. | 12-a S E U |
| HU | 43 | **Abaliget** | 1974 15. – 24. 7. | 7-a I R E N |
| HU | 44 | **Budapest** | 1974 28. 12. – 2. 1. 75 | 4-a V E F |
| HU | 45 | **H'vasarhely** | 1975 11. 5. | Departementa E-Tago |
| HU | 46 | **Gyula** | 1975 8. – 16. 7. | 13-a S E U |
| HU | 47 | **Abaliget** | 1975 13. – 21. 7. | 8-a I R E N |
| HU | 48 | **Budapest-Eszt.** | 1975 21. 8. | 4-a Varia E-Semajno |
| HU | 49 | **Esztergom-Bud.** | 1975 21. 8. | 4-a Varia E-Semajno |
| HU | 50 | **Budapest** | 1975 dec. | 5-a V E F |
| HU | 51 | **Mako** | 1976 16. 5. | E-Pacrenkonto |
| CS | 17 | **Ostrava 3** | 1973 21. 4. | E-kongreso |
| CS | 18 | **Podebrady** | 1973 18. – 26. 8. | 6-a ŝakturniro |
| CS | 19 | **Opava 1** | 1974 7. 9. | E-filatelia kunveno |
| BRA | 26 | **Marilio** | 1973 19. – 22. 6. | E-Seminario |
| BE | 14 | **Liege** | 1974 13. – 14. 4. | Beneluksa E-kgr |
| AU | 19 | **Villach** | 1975 10. – 16. 5. | 27-a IFEF-kgr cif. 1 – 4 |
| DA | 8 | **København** | 1975 26. 7. – 2. 8. | 60-a UK |
| GFR | 28 | **Hamburg 36** | 1974 27. 7. – 3. 8. | 59-a UK |
| FRA | 41 | **St. Etienne** | 1974 feb. – aprilo | Nacia E-kgr (ms) |
| HI | 16 | **Tarragona** | 1974 13. – 15. 5. | 26-a IFEF-kgr |
| HI | 17 | **Valladolid** | 1974 18. – 22. 7. | 34-a nacia E-kgr |
| HI | 18 | **Lerida** | 1975 18. – 22. 7. | 35-a nacia E-kgr |
| IT | 23 | **Bergamo** | 1974 4. 8. | 47-a SAT-kgr |
| IT | 24 | **Verona** | 1974 15. 9. | 45-a nacia E-kgr |
| IT | 25 | **Roma** | 1975 11. – 16. 7. | 36-a IKUE-kgr |
| JA | 19 | **Kitakjuŝu** | 1974 3. 11. | 61-a japana E-kgr |
| HU | 52 | **Komlo** | 1976 25. – 27. 6. | 26-a hungara E-kgr |
| HU | 53 | **Szeged** | 1976 3. – 4. 7. | Fervojista E-renkontiĝo |
| HU | 54 | **Abaliget** | 1976 18. – 27. 7. | 9-a I R E N |
| FRA | 42 | **Montpellier** | 1976 aprilo | Nacia E-kgr (ms) |
| JU | 23 | **Treh Drezel** | 1975 19. 9. | Trilanda E-konferenco |
| JA | 20 | **Seto** | 1976 21. – 22. 8. | 63-a nacia E-kgr |
| SVE | 21 | **Skelleftea** | 1976 12. – 18. 6. | 28-a IFEF-kgr |
| SVE | 22 | **Gotenburgo** | 1976 24. – 31. 7. | 49-a SAT-kgr |

Estimataj geamikoj,

bonvolu sendi viajn informojn pri novaj poŝtaj E-stampoj kaj aliaj E-filatelaĵoj, aŭ viajn korektojn pri jam katalogitaj stampoj al:

Redakcio „der esperantist"

DDR–108 Berlin

Charlottenstr. 60

Lernantino, 14j., dez. kor.: Snejana Krumova Kratunkova, **4490 Septemvri,** str. Ĥristo Botev 16

Kusio Nejkov, **9000 Varna,** Post restante, dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.

Flegistino, 52j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, folkloro, historio, turismo, fotado, il. p. k. Sigrid-Irmgard Schieling, **18 Brandenburg,** Potsdamer Landstr. 4

Fraŭlino, 16j., dez. kor. tutmonde pri muziko, lingvoj, turismo, kol. bk. pm: Eve Härma, **200 015 Tallinn,** Leberechti 4—2, Estonio

Lernantino, 14j., dez. kor. tutmonde, kol. bk.: Vilija Straznickaite, **234 365 Stakliŝkes,** Prienu raj.

Intruistino, 25j., dez. kor. pri muziko, arto, lingvoj, kol. bk.: Merike Vellend, **200 017 Tallinn,** 5. Linn. 11—24, Estonio

Komencantino, 21j., dez. kor. tutmonde pri fotoj, vojaĝoj, kol. bk.: Guzel Dantova, **453 210 Iŝimbaj,** ul. Sovetskaja 60/12—5, Baŝkirio

Kuracista helpantino, 20j., dez. kor. tutmonde, kol. bk. sondiskojn, medicinan literaturon: Vida Kupryte, **235 242 p-o Kapĉunai,** reg. Pasvalio, Litovio

Studento, 18j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t. kol. bk., esperantaĵojn: Petro Palivoda, **252 150 Kiev - 150,** Uljanoviĥ 3

Studentino, 21j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.: Galina Gerasimova, **625 000 Tjumen,** glavpoŝtamt, post restante

Juna Esperanto-familio dez. kor. k. E-familio tutmonde: Liga k. Tälis Berĉi, **226 018 Riga,** str. Krasta 5—33

Knabino, 16j., dez. kor. pri muziko, teatroj, lingvoj, kol. bk.: Vaira Griĵibovska, **Ŝtuĉka,** str. Draudzibas krastmala 1—10

Knabo, 15j., dez. kor. pri turismo, fotoarto, kol. alumetetiketojn, bk.: Normunds Keiris-Ozols, **226 012 Riga,** str. Tallinas 41/43—4

Junulino, 17j., dez. kor. pri turismo, teatroj, arto, kol. bk. esperantaĵojn: Geiba Lolita, **226 001 Riga,** Sarkanarmijas str. 115—41

Muzikinstruistino dez. kor. pri ĉ. t.: Ljudmila Veselova, **Sizcanj - 446 013,** Kujbiŝevskaja obl. ul. Naberejnaja 19

Studento, 21j., dez. kor. tutmonde pri sporto, pop-muziko, fotografio, kino, turismo, kol. insignojn, diskojn, bk: Anatolo Jonesov, **703 000 Samarkand,** str. Sovetskaja 53

Studento, 20j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.: Oleg Ŝarunov, **347 908 Taganrog,** Rostovskaja obl., ul. L. Ĉajkinoj 64, kv. 33

Inĝeniero, 52j., dez. kor. pri amatorfilmoj, foto, kol. bk. literaturo: Naum Zevickij, **310 136 Ĥarkovo,** str. Traktorostroitelej 103/93

Gelernantoj/komencantoj dez. kor. k. geknaboj tutmonde: Ŝkola M-ro 10, KID **278 100 Benderi,** strato Druĵba, Moldavio

Junulino, 16j., dez. kor. tutmonde pri muziko, lingvoj: Ingrid Johanson, Vanemuise Poik 5—3, **200 015 Tallinn,** Estonio

Vadim Udarow, **394 000 Voronez,** do vostrebovania, dez. kor., kol. filatelaĵojn

Lernanto, 14j., dez. kor. tutmonde pri faŭno, sporto, dancmuziko, kol. pm, bk: Oleg Kurepin, **Moskva D - 317,** I-Krasnogvardejskij proezd, d. 20 kv. 32

Junulino, 15j., dez. kor. pri moderna muziko, teatro, kino, literaturo, kol. bk, pm, insignojn: Ivanova Uljana, **659 322 Bijsk,** Radiŝeeva 6032

Junulino, 17j., dez. kor. pri teatro, kino, kol. bk, pm, insignojn: Frolova Margarita, **654 032 Novokuzneck,** Obnorskogo 48—48

Junulino, 16j., dez. kor. pri arkitekturo, arto, muziko: Daiva Vasiliauskaite, **235 800 Klaipeda,** H. Mantowstr. 11a—16, Litovio

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60.
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 750